

# Boletín

nº 381 novembro 2007/januaro 2008




Asociación de utilidad pública

FEDERACIÓN
ESPAÑOLA
DE ESPERANTO

# Boletín

Bulteno de Hispana Esperanto-Federacio
Aperanta de 1949
Numero 381 (novembro 2007-januaro 2008)

**Ĉefredaktanto:**
Jorge Pavón
**Kunlaboris:**
Ángel Arquillos, Antonio del Barrio, Augusto Casquero, Ángel García, Miguel G. Adúriz, Ana Manero, Li Jianhua, Lorenzo Noguero, Alejandro Pareja (korektado)

✉
bulteno esperanto.es
Calle Juliana nº4
El Escorial (Madrid) 28280



Hispana Esperanto Federacio
Federación Española de Esperanto
Rodríguez San Pedro 13, 3º, 7;
ES-28015 Madrid
admin esperanto.es
Tel (34) 914468079
Konto ĉe BBVA:
0182-1252-31-0204011961



Presejo: Gráficas Aurora. Zaragoza
DL- Z- 334-90

## Prezento



Saluton denove!

Kiel ĉiujare, en tiu ĉi unua numero de la jaro vi unue trovos la ofialajn informojn pri kontoj, resumo pri pasintaj aktivaĵoj kaj la alvoko al Ĝenerala Kunsido.

HEF eniras la jaron 2008 kun la projekto "Lingvoj, trezoro de la homaro, ilo por dialogo" kiu donos okazaĵojn por prezenti esperanton, profitante la internacian jaron de la lingvoj de UNESCO. Ni planas konferencojn, libroeldonadojn, ekspoziciojn, partoprenon en forioj, ktp, dependante ĉefe de niaj homaj fortoj.(p.12)

Iom post iom fariĝas la programo de la Hispana Kongreso en Cuenca. Intencas prelegi Miguel Fenández, Antonio Valén, Toño del Barrio, Augusto Casquero kaj Jorge Camacho inter aliaj. (informo pri aliĝo estas en la pasinta numero de Boletín kaj en nia ret-paĝaro)

Ni ankaŭ adiaŭas unu el la plej elstarajn verkistojn en esperanto: Claude Piron. (p. 21)

Kiel fermo, Li Jianhua, el Ĉino rakontas pri kelkaj siaj vivspertoj (p.28)

Agrablan legadon !

## Enhavo



## Nobelpremio pri paco eble por Esperanto

Du svisaj parlamentanoj proponas ke Universala Esperanto-Asocio ricevu pacpremion de Nobel. Laŭ la reguloj de la premio, interalie parlamentanoj rajtas oficiale proponi kandidatojn al la norvega Nobel-komitato, kiu decidas pri la pacpremio. La parlamentanoj Gisèle Ory kaj Francine John-Calame jam sendis sian kandidatigon al Oslo. En sia kandidatigo, instigita de Svisa Esperanto-Societo, la du parlamentanoj skribas interalie, ke "Esperanto ebligas kontaktojn demokratajn, ĉar la dialogantoj estas egalrajtaj pro tio ke Esperanto ne havas politikajn aŭ historiajn ligojn kun iu ŝtato". Ankau la pola senatano Rafal Muchacki kaj la eŭroparlamentanino Malgorzata Handzlik apogas la iniciaton. La tutmonda gazetaro, inklude de la hispana, disvastigis la novaĵon komence de Februaro 2008.



# Asamblea General Extraordinaria

La Prezidanto alvokas vin ĉeesti Eksterordinaran Kunsidon, kiu okazos la 25-an de februaro de 2007 (lunde), je la 18,00 horo (18,30h dua alvoko), en Madrido, en la sidejo de HEF, Rodríguez San Pedro 13-3º-7,laŭ la jena tagordo:
1.- Aprobo de la kontoj kaj kas-stato de 2007.
2.- Sugestoj kaj demandoj

GRAVA RIMARKO: Membroj de HEF kiuj deziras esti reprezentataj fare de iu alia membro, bonvolu transdoni mesaĝon informante pri tio, kun klara indiko de la kompleta nomo de la reprezentato kaj la reprezentnto al la HEF- retpoŝta adreso (admin@esperanto.es) antaŭ la 25an de Februaro.

La prezidanto de HEF
Augusto Casquero

El Presidente les invita a asistir a la Asamblea General Extraordinaria, que tendrá lugar el 25 de Febrero de 2008, lunes, a las a las 18.30 en segunda convocatoria, en la sede de la Federación Española de Esperanto, Rodríguez San Pedro,13, 3º, 7,Madrid, con el siguiente ORDEN DEL DIA:
1.- Aprobación de las cuentas y Tesorería del 2007.
2.- Ruegos y preguntas.

IMPORTANTE: Los miembros de la Federación que deseen ser representados por algún otro socio, pro favor envíen un mensaje comunicando este extremo, indicando claramente el nombre completo de representante y representado, a la dirección electrónica de HEF: admin@esperanto.es

El Presidente de HEF
Augusto Casquero

## HEF bezonas kasiston

Por plenumi bazajn funkciojn, HEF bezonas homon por la kaso kaj por la kutimaj notadoj en la kontolibroj. Li aŭ ŝi ne nepre devas esti HEF-membro sed bezonas koni iomete pri kontoj kaj konta programo (ĉefe *Contaplus*)

# Balance de situación (pendiente de aprobación)

| **Activo** | 2006 | 2007 |
|---|---|---|
| B)Inmovilizado | 62.851,60 | 62.390,91 |
| II Inmovilizaciones inmateriales | 768,60 | 768,60 |
| 5. Aplicaciones informáticas | 768,60 | 768,60 |
| 215 APLICACIONES INFORMÁTICAS | 668,60 | 768,60 |
| III. Inmovilizaciones materiales | 62.083,00 | 61.622,31 |
| 1. Terrenos y construcciones | 60.101,21 | 60.101,21 |
| 221 CONSTRUCCIONES | 60.101,21 | 60.101,21 |
| 3. Otras instalaciones, utillaje y mobiliario | 8.365,99 | 7.972,96 |
| 225 MOBILIARIO | 2.176,44 | 2.176,44 |
| 226 EQUIPOS PROCESOS INFORMACIÓN | 6.189,55 | 5.796,54 |
| 4. Anticipos e inmovilizaciones materiales | 2.272,70 | 2.289,70 |
| 232 BIBLIOTECA | 2.272,70 | 2.289,70 |
| 7. Amortizaciones | -8.656,90 | -8.741,90 |
| 282 AMORT. ACUM. INMOV. MATERIAL. | -8.656,90 | -8.741,58 |
| D) Activo circulante | 20.798,38 | 22.593,17 |
| II. Existencias | 2.250,08 | 1.739,31 |
| 1. Comerciales | 2.250,08 | 1.739,31 |
| 300 MERCADERÍAS (libros para vender) | 2.250,08 | 1.739,08 |
| III. Deudores | 710,89 | 243,53 |
| 4. Deudores varios | 701,89 | 343,53 |
| 440 DEUDORES | 260,10 | 260,10 |
| 447 PATROCINADORES AFILIADOS Y OTROS | -180,00 | -118,00 |
| 553 CTA CTE CON SOCIOS Y ADMIN | 621,79 | 101,43 |
| IV. Inversiones financieras temporales | 12.500,00 | 18.500,00 |
| 7. Depósitos y fianzas constituidos a corto plazo | 12.500,00 | 18.500,00 |
| 553 DEPÓSITOS A CORTO PLAZO | 12.500,00 | 18.500,00 |
| VI. Tesorería | 5.815,88 | 2.032,6 |
| 570 CAJA EUROS | 185,65 | 74,77 |
| 572 BANCOS E INST. DE CRÉDITO C.C. | 5.630,23 | 1.957,83 |
| VII Ajustes por periodificación | -469,47 | 77,73 |
| 800 GASTOS ANTICIPADOS | -469,47 | 77,73 |
| TOTAL ACTIVO | 83.649,98 | 84.984,08 |

| | | |
|---|---|---|
| A)FONDOS PROPIOS | 83.649,98 | 84.984,08 |
| | | |
| I Capital suscrito | 78.809,68 | 83.649,98 |
| 101 FONDO SOCIAL | 78.809,68 | 83.649,98 |
| VI Pérdidas y ganancias (beneficio o pérdida) | 4840,30 | 1.334,10 |
| 129 PÉRDIDAS Y GANANCIAS | 4.840,30 | 1.334,10 |
| | | |
| TOTAL PASIVO | 83.649,98 | 84.984,08 |

# Cuenta de pérdidas y ganancias 2007

| CODIGO | DESCRIPCION | 31-12-2007 | 31-12-2006 |
|---|---|---|---|
| 600000001 | Compra de Libros | 108,00 | 1.000,00 |
| 610000001 | Variación Existencias | 510,77 | 461,65 |
| 623000000 | Gestoría / Contabilidad | 704,00 | 658,47 |
| 625000000 | Seguro Oficina Central | 74,96 | 71,40 |
| 626000000 | Servicios Bancarios y Similares | 199,43 | 199,50 |
| 626000001 | Comisiones Bancarias | 50,15 | 50,44 |
| 627000000 | Publicidad, Propaganda, RRPP | 305,00 | 396,01 |
| 627000001 | Edicion BOLETIN | 2.341,72 | 1.966,69 |
| 627000002 | Subvención 2006: HEJS | 500,00 | 0,00 |
| 627000004 | Subvención 2007: Barcelona Eo. C. | 500,00 | 0,00 |
| 627000003 | Donativos de libros | 0,00 | 53,00 |
| 628000001 | Luz, Unión Fenosa. | 106,80 | 107,63 |
| 628000003 | Canon conexion Internet | 62,74 | 62,74 |
| 628500001 | Telefonica-Jazztel | 657,71 | 927,49 |
| 629000001 | Material de Oficina Central | 0,00 | 361,60 |
| 629000002 | Cuota U.E.A. (DE HEF) | 186,96 | 222,88 |
| 629000003 | Comunidad finca | 494,28 | 966,56 |
| 629000004 | Viajes de directivos | 0,00 | 57,00 |
| 629000005 | Cuota EUROPA E-O UNIO | 150,00 | 150,00 |
| 629000009 | Correo. | 180,20 | 177,41 |
| 629000010 | Gratificación porteros | 40,00 | 40,00 |
| 629000011 | Otros gastos | 25,06 | 53,50 |
| 630000004 | Tributos (IBI) | 0,00 | 141,37 |
| 655000001 | Perdidas de cuotas incobrables | 434,00 | 401,00 |
| 682000002 | Amort. Ordenadores impresora | 477,69 | 477,00 |
| 682000003 | Amort. Fax,Encuadernador,scaner | 87,80 | 0,00 |

| | | | |
|---|---|---|---|
| 700000001 | Venta de libros Oficina Central | -763,07 | -1.174,47 |
| 720000001 | Ingresos por Cursos. | -149,45 | -17,31 |
| 721000001 | Cuotas de Afiliados. | -7.841,80 | -10.999,16 |
| 721000002 | Cuotas Afiliados año anterior. | - 241,80 | -86,00 |
| 723000001 | Aportación Liceo de Madrid | - 150,00 | -150,00 |
| 726000000 | Donaciones de Socios | -92,33 | -1.031,00 |
| 769100001 | Intereses Cuenta a Plazo Fijo | - 284,20 | -87,10 |
| 778000001 | Ingresos Extraordinarios | -8,72 | -61,60 |

## Tesorería

| | | |
|---|---|---|
| Depósito a plazo en BBVA | 18.500,00 | 12.500,00 |
| Caja | 74,77 | 185,65 |
| Cuenta UEA | 101,43 | 621,79 |
| Cuenta corriente BBVA | 1.957,83 | 5.630,23 |
| TOTAL TESORERÍA | 20.634,03 | 18.937,67 |

# Estrarkunveno de HEF **2008-01-19**

Okazis la sabaton 19an de januaro, en la sidejo de HEF je la 10a horo. Ĉestis: Estraranoj: Lupe Sanz, Augusto Casquero kaj Jorge Pavón. Ne estraranoj: Manolo Parra, Miguel A. Sancho, Pedro Hernández, Juan del Castillo, Toño del Barrio, Ana Manero, Manolo Pancorbo, Jesús M. Iturrioz (Skype). Parolis telefone: Alejandro Pareja kaj Miguel G. Adúriz

1.Kontoj 2007

➢La Estraro aprobis subajn kontojn kiuj aperos en "Boletin" por esti aprobitaj de la membraro dum la venonta Ĝenerala Kunsido.

➢Oni akceptas sugeston de Iturrioz por inkludi ankau datumojn de 2006 en "Boletín"

➢La buĝeto por 2008 jam estis aprobita en antaŭa kunveno: HEF-kotizo por 2008, 31 eŭroj por individua kaj 62 por kolektiva membroj

**2. Hispana Kongreso 2008. Cuenca de 3a ĝis la 6a de julio**

➢Alejandro informas ke li ankoraŭ ne havas oficialan konfirmon pri

kongresejo kaj loĝejo.

➢M.G. Adúriz, nova LKK-ano, zorgos pri la kultura programo

## 3.Sekretario

➢ Oni aprobas la proponon de Luis Serrano Pérez por aĉeti la stokon de libroj de la antikva libroservo de HEF, li pagos 450 eŭrojn kiel likvidon al HEF.

➢Oni aprobis la modelon por la folioj de la nova elektronika protokol-libro de HEF, ili permesos printi rekte en oficiala formato. Post la oficiala registro kaj stampado oni uzos ĝin por la protokolo de la venonta kunsido.

➢La Sekretario, por la "Manlibro pri sekretario" petas al la redaktoro de Boletín mallongan manlibron de la programo por komposti (*PageMaker*), klarigo de kiel aperas kolora eldono, ktp), al la kontisto la samon pri la programo *Contaplus*, kiel sendi al banko la pagojn, ktp.) kaj al la bibliotekistino organizadon de la datumbazo, de la Biblioteko, ktp.

➢ Madrida Esperanto-Liceo petis subvencion por aĉeti ŝrankon por HEF. Oni ricevis buĝeton por 3.013 eŭroj (kun IVA).

➢Augusto Casquero abonis al HEF 150 eŭrojn kiel livkidon de la kontoj de la DVD "Esperanto Elektronike".

➢Laŭ la peto de unu membro de HEF, oni sendis liston, al "Agencia Tributaria", kun la datumoj de membroj (nur tiuj kiuj sendis siajn DNI-n) kiuj pagis 2007. La kotizoj de HEF, kiel asocio de publika utileco, povas dekalkuli 25% en la imposto IRPF.

## 4. Boletín

➢En la venonta numero (381) aperos: memuaro, kontoj kaj alvoko al Eksterordinara Ĝenerala Kunsido, subvencio al BEC, HEF-kotizoj por 2008, Kongreso (kotizoj, bankkonto)

## 5. Projekto 2008

➢ Je la fino de decembro oni prezentis la dokumentaron al Ministerio. pri Kulturo por peti subvencion. Ĝi estis subskribita de Lupe kiel vic-prezidantino.

➢De la 11a de februaro ĝis la 8a de marto HEF, kune kun Madrida Esperanto-Liceo organizos ekspozicion de esperantaj libroj ĉe Centro Comercial de Hortaleza (Madrido)

➢Pri la bileto de loterio pri Zamenhof la Direktoro de " Gestión de Loterías" respondis ke ili pristudos tion dum la kunveno por desegnoj por 2009

➢Oni petis buĝeton (3.000) por la ebla eldono en Madrido de la libro en la hispana pri la vaska esperanto movado. La decido dependas de la aŭtoro kaj de

la atingo de subvencio.

➢Alejandro Pareja ricevis inviton por partopreni en la libro Forio de Kastilio-Manĉo en Cuenca. Li akceptos kondiĉe ke li havus 1 aŭ 2 volontulojn por deĵori en la budo.

## 6. Demandoj kaj proponoj

➢Pedro Garrote proponis krei loterion por disvendi pere de la E-Grupoj tra la tuta Hispanio. Oni traktis tion kaj oni ne trovis homojn kiu pretas okupiĝi pri la afero.

➢Iturrioz sugestis uzi por la kongreso grandan afiŝon faritan por la Kongreso de Bilbao kaj uzebla en aliaj kongresoj. Adúriz, havas ĝin kaj sendos al Cuenca.

## 7. Demisio de la librotenisto

➢Kvankam antaŭe Pedro Garrote diris ke li demisios post la kontoj de 2008, nun li sendis leteron al la Prezidanto kun sia demisio kiel librotenisto. La Estraro akceptas lian demision kaj dankas lian laboron dum 12 jaroj en la Estraro de HEF.

➢La posteno estas unu el la plej gravaj de la estraro kaj devas esti urĝe okupota. Se oni ne trovas alian volontulon, HEF dungos profesiulon.

➢Pedro jam sendis al HEF-oficejo la originalajn diskojn de la programo "Contaplus" kiu havas permeson por esti instalataj en 2 komputiloj.

Oni anoncos la liberan postenon en la forumoj kaj en "Boletín". La librotenisto ne nepre devas esti HEF-membro sed bezonas koni iomete pri kontoj kaj konta programo (ĉefe *Contaplus*)

## 8. Venonta Kunveno

Oni interkonsentas, ke la Eksterordinara Ĝenerala Kunsido, por aprobi kontojn, okazos ĉ e la sidejo de HEF la lundon 25an de februaro je la 18,00 en sia dua alvoko.

Augusto Casquero de la Cruz

### Renoviĝo en nia ret-paĝaro

Novan aspekton havas nia retpaĝaro, espereble nun pli alloga elvide kaj enhave dank' al la teknika laboro de Miguel A. Sancho kaj José Rodríguez kaj al redaktora skipo. Ĝiaj du bazaj funkcioj estos la informado al eksteraj homoj pri nia lingvo kaj al esperantistoj pri la federacio.



# Kunsido de la patronaro de “Fundación Esperanto”

La Patronaro de “Fundación Esperanto” kunsidis la 14an de decembro de 2007. El inter la aferoj pritraktitaj, menciindas:

## Mon-helpoj por aktivaĵoj dum 2007:

La anonco de helpoj por 2007 estis farita en la kunsido de la Patronato de 16a de decembro de 2007 (“Boletín”, n-ro 377, januaro kaj februaro, 2007, p. 24). Rilate al ĝi, jen la pagoj decidataj (por la du nuraj grupoj kiuj sendis petojn pri aktivaĵoj dum 2007):

- 400 eŭroj al “Grupo Esperantista de Bilbao”, pro la E-kurso en Universitato de Eŭskio.

- 400 eŭroj al asocio “Frateco” de Aragono, pro la E-kurso en liceo “IES Reyes Católicos” de Ejea de los Caballeros (Zaragozo).

## Programo por la jaro 2008:

La tuta kvanto por ekonomia helpo ascendas je 1.200 eŭroj. Ĝi estos uzata por financi la aktivaĵojn koncernaj al projekto preparota de HEF por disvastigi la internacian lingvon Esperanto en la jaro 2008, “internacia jaro de la lingvoj” (laŭ deklaro de Unuiĝintaj Nacioj) kaj 100jara datreveno de UEA.

Ankaŭ oni aprobis la buĝeton kaj dokumentojn prezentendajn antaŭ la Registaro kiu estas la Protektorato.

Lorenzo Noguero
Sekretario




Iber-Caja
2085-0101-13-0128624762
La Caixa
2100-2149-31-0100165085

La bulteno Eŭropa Esperanto Unio, asocio en kiu membras HEF legeblas rete ĉe www.europo.eu



Eŭropa Bulteno

Januaro 2008, № 1 (66)

*De la redakcio…*

EKSPOZICIO PRI ESPERANTO EN EŬROPA PARLAMENTO

Zlatko Tišljar

# Raporto pri aktivaĵoj en 2007 (resumo)

## 1. Perioda Eldonado

1.1. Perioda eldonado: Oni regule sendis "Boletín" senpage al la membroj.

## 2. Kongresoj

2.1. Organizado de la 66a Hispana Kongreso de Esperanto en Palos de la Frontera (Onubo)

2.2. La Junulara Sekcio de HEF organizis IRO-07 "Iberia Renkontiĝo" en Madrido.

2.3. Pluraj membroj de HEF partoprenis la Universalan Kongreson en Jokohama (Japanio). En ĝiaj Belartaj Konkursoj nia membro José Antonio del Barrio ricevis la trian premion en la fako eseo.

2.4.En la "Internacia Esperanta Junulara Semajno", okazinta en Hungario, nia membro Félix Lobo instruis la hispanan pere de esperanto.

2.5.En la 7a Kongreso de Eŭropa Esperanto-Unio en Maribor (Slovenio), Rafaela Urueña prelegis pri verdaj konfliktoj, kaj José María Salguero pri birdoj.

2.6.Multaj membroj de HEF partoprenis en la Internacia Semajno de Kulturo kaj Turismo en Tossa de Mar (Girona).

## 3.Kursoj

3.1. Perkoresponda kurso, gvidata de Fernando Moral.

3.2. En multaj hispanaj urboj niaj membroj instruas ĉeestajn kursojn de esperanto.

## 4.Kunlaboro kun oficialaj instancoj kaj privatuloj

4.1. En la Internacia Centro pri Kulturo kaj Turismo en Bydgoszcz (Pollando), la prezidanto de HEF instruis hispanan lingvon kaj beletron pere de esperanto.

4.2. Al la Hispana Komitato por kunlaboro kun UNESKO ni regule sendadas nian jarraporton pri aktivaĵoj.

4.3. HEF kunlaboras regule kun studentoj kiuj bezonas informon pri la lingvo aŭ la esperanta movado por plenumi siajn akademiajn taskojn.

4.4. Dum tri monatoj la prezidanto de HEF instruis hispanan lingvon en Kantono (Ĉinio) uzante esperanton kiel laborlingvon.

4.5. Dum unu semajno en aprilo, grupo de lernantoj kaj instruistoj de la mezlernejo "Reyes Católicos" de

Ejea de los Caballeros (Zaragoza) vizitis Bulgarion kadre de la programo Comenius de Eŭropa Unio. Per la lingvo Esperanto okazis renkontiĝo inter lernantoj kaj instruistoj el kvar landoj.

4.6. La prezidanto de HEF aktive partoprenis la 7an Ĉinan Kongreson de Esperanto, okazinta en Kantono.

## 5.Disvastigo

5.1. J. A. del Barrio partoprenis en la Internacia Kongreso pri la Hispana Intercivitana Milito, okazinta en la ĉefsidejo de la universitato UNED, kun la referaĵo "la uzo de Esperanto dum la Civila Milito".

5.2. La 23an de aprilo en Círculo de Bellas Artes, Madrido, nia membro Alejandro Pareja partoprenis esperantlingve en la maratona legado de "DonKiĥoto".

5.3.Arturo Jiménez prelegis pri Esperanto en la Fakultato pri Lingvistiko de la Universitato de Castilla-La Mancha, en Ciudad Real.

## 6. Amasmedioj

6.1.Oni sendis regulajn informojn al la medioj. Kelkaj ĵurnaloj aperigis ampleksajn artikolojn pri Esperanto.

6.2. "La Voz de Galicia" informis pri ekspozicio de leteroj kaj poŝtkartoj skribitaj esperante inter la jaroj 1909 kaj 1914, senditaj de esperantistoj el tre diversaj landoj. "Aula Magna" aperigis artikolon pri la E-movado en Andaluzio kaj en Hispanio. "L'Informatiu", de Barcelono, aperigis artikolon pri esperanto okaze de la 30a jarreveno de la asocio BEC; ktp.

## 7. Interreto

7.1. HEF renovigis komplete sian paĝaron en la TTT-ejo *esperanto.es*

## 8.Biblioteko

8.1. Ĝi estas libere alirebla de ĉiuj, sed nur hef-anoj havas prunt-rajton.

## 9. Aliaj aktivaĵoj

9.1. Miguel Gutiérrez, membro de HEF, membras ankaŭ en la Akademio de Esperanto.

Originalo subskribita de la sekretariino Carmen Suárez



# Ekas la projekto por 2008

Kiel anoncite en la antaŭa numero de Boletín, oni jam komencis la pretigadon de diversaj aktivadoj dum la jaro 2008, profitante la deklaron fare de Unuiĝintaj Nacioj de tiu ĉi jaro kiel Internacia Jaro de Lingvoj, kaj la datrevenon de la fondiĝo de Universala Esperanto-Asocio. Ni inkludis en la projekto ankaŭ referencojn al la Eŭropa Jaro de Interkultura Dialogo, aprobita de Eŭropa Unio, kaj kiu estos forte apogita de la diversaj landaj registaroj.

La Projekto ricevis la oficialan nomon "Lingvoj, trezoro de la homaro, ilo por dialogo" ("Las lenguas, tesoro de la humanidad, instrumento de diálogo"), kaj estis dividita en sekvaj ĉapitroj:

1.Disvastigado de la projekto

a) Kontakto kun oficialaj instancoj, kun rilato al la Internacia kaj Eŭropa Jaro

b) Publika prezentado en formala akto organizita de HEF komence de 2008

c) Kreado de specifa spaco en nia retpaĝo http://www.esperanto.es/proyecto08

d) Kreado de rubriko dum la jaro 2008 en Boletín de Hispana Esperanto-Federacio

e) Organizado de prelegoj en Esperanto en diversaj lokaj grupoj pri Esperanto kaj ĝia graveco rilate al interkultura dialogo.

f) Traduko al Esperanto de dokumentoj, publikigaĵoj aŭ retpaĝoj kreitaj de la organizaĵoj rilataj al la interkultura dialogo kaj la kunmemoro de la Eŭropa Jaro.

2. Eldono de broŝuroj




"Lingvoj gravas" estas devizo elektita de UNESCO por anonci la Internacian Jaron de la Lingvoj.

3. Nacia kongreso de esperanto

4. Partopreno en foiroj

5. Traduko de libro de hispana literaturo

6. Organizado de konferencoj

7. Organizado de publikaj ekspozicioj

8. Eldono de libro pri la historio de la hispana esperantista movado

Kelkaj el la agadoj devas fariĝi komplete malcentraligitaj, kun la apogo de la diversaj regionaj asocioj, lokaj kluboj kaj unuopaj esperantistoj. Do, ni faras alvokon al ĉiuj kunlabori laŭ la eblecoj de ĉiu grupo aŭ individuo. Notu ke grupon de aktivuloj jam komencis pretigi parton de la agadoj (materialo por ekspozicioj, tekstoj de prelegoj, renovigo de broŝuroj, redaktado de gazetarkomunikoj), kaj do ĉiu interesiĝanto povas peti helpon por la pretigado de la surloka aktivado.




Jen la jubilea simbolo de UEA, desegnita de la kataluno Guillem Sevilla.

Do, se vi deziras partopreni la Projekton, bv. kontakti la oficejon de HEF, aŭ rekte min (Toño del Barrio, retadreso tonyodelbarrio@gmail.com). Ĉiu kunlaboro estas bonvena, kaj ankaŭ la materia helpado (personaj kontaktoj kun asocioj kaj institucioj, serĉado de subvencioj, ekonomia kunlaboro) necesos por krei sufiĉe fierindan rezulton. Ĉar se la Esperanto-movado ne profitas la Internacian Jaron de la Lingvoj, kiu tion povas fari?

Toño del Barrio

## Eŭropa ekzamen-normigo nun en Esperanto.

En januaro 2007, post kunlaboro inter la Konsilio de Eŭropo, UEA, la reta iniciato *edukado.net* kaj Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI), aperis nova normiga broŝuro pri lingvoekzamenado kun la titolo "La Komuna Eŭropa Referenckadro - pri instruaj kaj taksaj metodoj por la akiro de modernaj lingvoj". Samtempe la Lingva Departemento de la Konsilio de Eŭropo en Strasburgo donis permeson por la esperantigo de sia ĉefa dokumento pri la temo. La esperanta traduko de la 262-paĝa ĉefa dokumento nun aperis. En la dua duono de la jaro 2008 povos okazi la unuaj lingvoekzamenoj de ILEI-UEA laŭ la komuna eŭropa normaro. Pli da informo legeblas en edukado.net

# Nia biblioteko en la reto

Pli ol tridek jaroj pasis jam de kiam Inés Gastón, tiama sekretariino de Hispana Esperanto-Federacio, komencis apartigi po unu ekzemplero el la porrecenzaj libroj alvenintaj al la redakcio de Boletín. Tiel, komence de la sepdekaj jaroj, ŝi konstruiis la fundamenton de la nuna *Biblioteko Juan Régulo Pérez*, kiu nun debutas en la reto.

Pri tio, kio okazis intertempe mi ne parolos en ĉi artikolo ĉar tian informon vi trovos rekte en la koncerna fako de la biblioteka paĝaro aŭ en pasintaj numeroj de Boletín. La celo de ĉi artikolo estas diskonigi la retan parton, por ke uzantoj povu maksimume profiti ties eblecojn.

Enirinte la ttt-ejon de HEF, tuj videblas la biblioteka butono. Klaku sur ĝin kaj vi trovos menuon kun diversaj informoj kaj servoj.




El la ĉefpaĝo oni aliras la hispanlingvan version.




El la esperanta ĉefpaĝo oni aliras la esperantan version.




Biblioteka menuo kaj prezento

La informaj menueroj *Prezento, Kolekto kaj Funkciado* respektive klarigas pri la historio de la biblioteko, kiel formiĝis kaj kreskas ĝia kolekto kaj ĝeneralaj informoj pri funkciado. La menuero *Juan Régulo* prezentas malgrandan biografion de Profesoro Régulo, kies nomon fiere portas nia biblioteko.

Sed verŝajne pli interesaj montriĝas la tri sekvaj fakoj, *Katalogo*, *Virtula biblioteko*, kaj *Aliaj bibliotekoj*,

ĉar per ili HEF celas havigi unue al siaj membroj, due al la cetera esperantistaro kaj fine al kiu ajn interesito pri esperanto (tial estas aliro al ĝi kaj en la hispanlingva kaj en la esperanta partoj de la paĝaro), kiel eble plej kompletan servon de bibliografia informado. Ni analizu ilin laŭvice.

### Katalogo

Ĉi tiu estis, kun granda diferenco, la plej labordona kaj malfacile realigebla el ĉiuj taskoj faritaj en rilato al la enretigo de la biblioteko. Fakte ĝi konstituas per si mem "la" enretigo de la biblioteko. Ĉio cetera kompletigas kaj reliefigas ĝin.

Sed ĉar ni trovis multajn teknikajn malfacilaĵojn, en la momento verki ĉi artikolon la enretigo de la katalogo estas ankoraŭ prilaborata kaj probable ĝi ne estos finita kiam Boletín estos en viaj manoj. Tial, ni preferas lasi ĝian prezentadon por verkota artikolo.

Tamen, ĉar la cetero estas jam utiligebla, ni decidis ne prokrasti la diskonigon de tio jam farita.

### Virtuala Biblioteko

Neniu biblioteko povas provizi ĉiujn dokumentojn al siaj uzantoj, des malpli biblioteko tiel modesta kiel la nia. Sed ja ĝi povas profiti la nunajn teknikajn rimedojn por laŭeble faciligi la aliron al nesiaj dokumentoj. Tion celas ĉi fako de nia biblioteko. Ĝi estas kolekto de ligiloj al dokumentoj (aŭ dokumentujoj) jen origine elektronikaj, jen origine paperaj kaj poste ciferecigitaj. Trovu ĉi tie do, retajn vortarojn kaj enciklopediojn, elektronikajn librojn kaj revuojn, adresarojn, serĉilojn, eldonejojn, librovendejojn, ktp.

Ĝi ne celas esti kompleta. Malfacile io tia povus esti kompleta, eĉ ne en nia malgranda mondeto, sed ni esperas per ĝi faciligi la aliron al informado en la ĉiam pli densa reto de Esperantujo.

### Aliaj bibliotekoj

Ĉi-fake, vi trovos ĉefe aliron al la retkatalogoj de aliaj bibliotekoj, esperantaj aŭ ne, kiuj disponas esperantajn dokumentojn. Fine estas ankaŭ ligiloj al esperantaj bibliotekoj interesaj kaj ja gravaj, sed kies katalogoj ne estas rete alireblaj.

Pri la esperantaj bibliotekoj, apenaŭ io nova direndas. Ĉiuj konas la datumbazon *Trovanto*, dependanta de la Aŭstria Nacia Biblioteko, kiu antaŭ nelonge publikigis liston de ciferecigitaj "esperantaj inkunabloj" deŝuteblaj el la reto. Ankaŭ la *Biblioteko Hektor Hodler* de UEA, aŭ la *Biblioteko Butler* de la Brita Esperanto-Asocio meritas apartan atenton, ne nur pro la kvanto de konservitaj materialoj, sed ankaŭ pro ilia historia graveco.

En rilato al la ne esperantaj, ĉar estas abundo da ili, ni decidis nur meti ligon, unue al la katalogoj de la Hispana Nacia Biblioteko, ĉar tie riceviĝas pro deponleĝo ĉiuj dokumentoj eldonitaj en la lando (krom neakurata plenumo de tiu devo far la presisto), sekve ankaŭ tiuj esperantaj; kaj due, al la ĉefaj kolektivaj katalogoj[1] de Hispanio, kiuj permesas kontroli, ekzemple, ĉu en iu publika aŭ universitata biblioteko niaurba troviĝas esperantaj dokumentoj, kondiĉe nur ke tiu biblioteko apartenas al iu biblioteka reto.

Estas tre interese vidi la kvanton de dokumentoj, kiun ni ricevas post serĉado de la vorto "esperanto" en la kampo temo (en la hispana, "materia") de tiuj katalogoj.

Fine, la menuero *Kontaktu nin* celas plifaciligi la komunikadon inter la biblioteka prizorganto kaj la uzantoj.

Ana Manero



1 Kolektiva katalogo: Ĝi enhavas la bibliografiajn slipojn de pluraj bibliotekoj, kun indiko de la biblioteko, kiu disponigas ĉiun dokumenton.

## Esperanto ĉe Projekto Gutemberg

Projekto Gutemberg estas iniciato por enkomputiligi, arkivi kaj disponigi senpage librojn en la Reto . Ĝi estas konsiderata la plej malnova elektronika biblioteko, fondita en 1971 kaj dan' al granda kvanto da voluntuloj ĝi havas nuntempe pli ol 24000 verkojn.

La projekto bonvenigas novajn librojn en cifereca formo (prefere glata teksto), kondiĉe ke ili estu publika posedaĵo aŭ konsente kun la havanto de ties kopi-rajto.

Troviĝas tie nun 36 esperantaj libroj. Jen la lastaj kontribuoj:

- *Figenio en Taŭrido* de Johann Wolfgang von Goethe
- *Princo Vanc'* de Arlo Bates kaj Harriet L. Vose
- *La Liturgio de l' Foiro* de Jorge Camacho
- *Nuntempaj Rakontoj* de G. P. Stamatov
- *La Asocio de la Junuloj* de Henrik Isen
- *Eta Eyolf* de Henrik Ibsen

www.gutenberg.org



## Andaluzio

En la vilaĝo *Los Barrios* (Kadizo), du esperantistoj ekas tre gravan laboron, ili ankoraŭ estas komencantoj, sed tio ne estas baro por paroli pri la Movado per "Radio Sol", programo "Chapa y Cartón", www.radiosol.es, reta radiostacio, kie ili estis intervjuitaj la pasintan 12-an de decembro. Mi havis la okazon aŭskulti tiun agrablan momenton kaj mi devas konfesi ke la tempodaŭro de la intervjuo ŝajnis al mi tre mallonga, ĉar ili respondis kiel veraj spertuloj kaj en bona esperanto ili respondis al kelkaj tipaj demandoj: "kiel oni diras en E-o?, kiel oni salutas?, kiom da esperantistoj estas en la mondo?", ktp. Krome ili klarigis la simplecon kaj facilecon de la gramatiko, "kiel oni konstrui vortojn per radikoj", "sufiksojn, afiksojn, kaj ĉefe la gravan finaĵon "-N". La intervujo finiĝis per bela kanto en Esperanto, kiun la parolisto eksonigis poste kvazaŭ temus pri normala kanto kaj aldonis pluajn komentojn pri la lingvo. Tamen la plej grava novaĵo estas, ke la urbodomo havigos al ili lokalon por gvidi kursojn, kaj AEU jam sendis materialon por komenci la klasojn. Ni helpos ilin laŭeble kaj mi esperas verki novan raporton pri la Movado en Kadizo.

En Malago, malgranda grupo da geesperantistoj, kunsidis la pasintan 15-an de decembro kun la celo festeni la datrevenon de Zamenhof, unue ni gustumis kafon en la fama kafejo Esperanto kaj poste, en alloga restoracio ni kuntagmanĝis kaj parolis pri la Movado kaj pri estontaj eventoj, kiel la Andaluzia Kongreso, kiun ni planas okazigi en Kordovo. Ankoraŭ ni ne certas pri la dato, ĝi eble okazos en aŭtuno, post la hispana kongreso.

Ángel Arquillos

Oni organizis diversajn kursojn en Almerio, Onubo (Huelva), Ĥaeno, Malago, Arundo (Ronda) kaj Seviljo. Estis informprelegoj ĉe mezlernejo de Estepona. Plie: esperanto-andalucia.org

## Aragono

Unuafoje televido alvenis al la sidejo de "Frateco". La "Aragona Televido" faris raporteton kiu aperis la 18an de decembro en la programo "Aragón en abierto" ("Aragono aperte").

En Zaragozo, kiel tradicie, la aragona E-societo "Frateco" solenis la Z-Tagon kaj la Esperantan Libro-Tagon.

La 15an de decembro, preskaŭ trideko da esperantistoj kaj simpatiantoj partoprenis komunan tagmanĝon en amikeca etoso. Ni memorigis ke la jaron 2008, "Frateco"

iĝos 100-jara. Okaze de ĉi tiu datreveno, ni havas la projekton realigi la starigon de monumento dediĉitan al Esperanto.

La 18an de decembro, ni kunvenis en nia sidejo. La Prezidanto parolis pri Antonio Marco Botella, nia senlaca veterano (ĉi-jare li plenumas 70 jarojn da esperantisteco aŭ esperantiĝo) kaj ties lasta libro "La Odisea del Stanbrook" ("La Odiseado de l' Stanbrook"), libro en hispana lingvo pri personaj travivaĵoj kun oftaj mencioj pri Esperanto. Kaj iom surprize, estis prezentata libro de alia samideanino. Nome, "Minuto filosófico / Filozofia minuto" de Maria Antonia Lapuerta. Temas pri kolekto de citaĵoj en hispana lingvo kun esperanta traduko. Dankon pro ĉi tiuj du "floroj" (vorto-floroj) al Antonio kaj Antonia (laŭ la helena etimologio de la nomo, "anthos" estas "floro")!

Lorenzo Noguero



Antonia kaj Antonio kun du "floroj" (libroj)

**Lerneja interŝanĝo**

De la 20a ĝis la 27a de oktobro, grupo el 21 homoj, instruistoj kaj lernantoj de Italio, Britio kaj Bulgario, kune kun la mezlernejo Reyes Católicos partoprenis en la 5a renkontiĝo de la projekto Comenius AKEL 2 (Altenativa Komunikado inter Europaj Lernejoj). La celo estas kontribui al la komunikado inter la diversaj popoloj, helpe de esperanto. En la mezlernejo oni instruas esperanton ekster la oficiala eduk-programo, je la 5a vespere la vendredojn. La partoprenantoj vizitis urbojn Zaragoza, Sos del Rey Católico, Uncastillo, Loarre kaj Ordesa kie ili spertis diversajn aktivaĵojn. La esperanto-grupo "Frateco" akompanis la geknabojn en kelkaj vizitoj, akceptis ilin en sian lokalon kaj donacis ekzempleron de "Antología de la Lírica Española, Zaragoza en la Lírica de Al Andalus" kaj "Kiĥotojn" por la engaĝitaj lernejoj.

## Asturio

La kurso rekomenciĝos la 11an de februaro. Ĝi okazos lunde kaj merkrede de la 6a ĝis la 7:30 vespere, en strato Tomás y Valiente n-ro 1, Gijón. Pli da informo: esperanto uica.info

## Kantabrio

Fine de decembro aperis "Saluton!" n-ro 14. La bulteneto enhavas la kunvokilon por al la

Ĝenerala Kunsido de KantEA, en kiu oni devos elekti novan Estraron.

Laŭlonge de 2007 aperis en la ĵurnaloj de Kantabrio pluraj interesaj mencioj pri Esperanto.

Post la lastaj ekskursoj al la romia ŝtonvojo, al la kastilia kanalo, al diversaj plaĝoj de la regiono, ktp, en la oktobra ekskurso, grupo el 7 KantEA-membroj vizitis dum tri tagoj Las Médulas kaj Ponferrada en Leono.



Ekskurso al *Las Médulas*

## Katalunio

La 25an de decembro, Joan Bruno forpasis trankvile je la aĝo de 102 jaroj. Li instruis esperanton en la grupo de Vilanova i la Geltrú al kiu li aliĝis en 1973. Li estis konata kiel diskreta kaj silentema homo, sed konstante laboranta por esperanto kaj preta helpi la lernantojn. Multflanka homo, li interesiĝis pri lingvoj, pri matematiko kaj faris kelkajn teknikajn inventaĵojn. En 2005 oni organizis bankedon je lia honoro, por celebri lian centjariĝon.

En L'Hospitalet de Llobregat, por festi la Zamenhof-tagon, la 15an de decembro Martí Guerrero organizis kaj prezidis kolokvon en "Centre Barradas"katalunlingve pri la temo "Kial ni bezonas neŭtralan internacian lingvon". Kataluna Esperanto-Fervojista Asocio starigis standon la 15an kaj 16an de decembro en L'Hospitalet de Llobregat por informi pri esperanto.

La koruso *Heura* kantis en esperanto la katalunan popolkanton "Montaroj de Canigó" ankaŭ en l'Hospitalet.

## Madrido

Kiel la antaŭan jaron, sukcesis la bankedo okaze de la Esperanto-tago en la kvartalo Vallecas, kunigante "ĵus-bakitojn" de la klasoj de Pedro Hernández kun pli spertaj esperantistoj



La verkistoj Jorge Camacho kaj Miguel Fernández, kun siaj edzinoj. Foto: Pedro Hernández

## Bibliografia Esperanto-Ekspozicio en Madrido

"Esperanto, de la individua al la kolektiva kreado" Centro Comercial Gran Vía de Hortaleza (metroo Mar de Cristal) 11a de Februaro ĝis 10 Marto. Per la elektitaj libroj oni pretendas montri kiel persona projekto, la individua kreaĵo de Zamenhof, fariĝis tutmonda kultura movado dank' al la kolektiva laboro de literaturistoj kaj parolantoj de la lingvo, kies plej elstara institucio, UEA, meritis la nomumon al la ĉi-jara Nobelpremio pri Paco.

## Valencio

En Valencio, la 3an de decembro, forpasis Clara Casquero de la Cruz. Ŝi ekesperantistiĝis en la jaro 1969, ĉeestante kurson de Esperanto gvidata de D-ro Rafael Herrero, kune kun du fratoj kaj du fratinoj (ili ĉeestis la kurson kvinope). Ŝi partoprenis diversajn e-kongresojn kaj aranĝojn, kaj naciaj kaj internaciaj, kaj estis iama sekretariino de Grupo Esperanto de Valencio.

La 2an de januaro komenciĝis en Grupo Esperanto de Valencia seminario pri la praktika uzado de preposicioj en Esperanto. Ĝi estos samtempe teoria kaj praktika, kaj la ĉeestantoj devas mem kontribui al la disvolvo de la temo. Ĝi estas gvidata de Augusto Casquero, kaj okazas ĉiumerkrede dum la tuta monato januaro.

Augusto Casquero




Benicàssim, en la provinco Castellón gastigos ĉi tiun eventon, organizata en 2008, la 14, 15an kaj 16an de Marto de Valencia Esperanto Junularo. Estas komfirmitaj la koncerto de JoMo, surstrata kino kaj komuna paelo. Oni antauvidas ke lokaj artistoj aranĝos atelieron pri valencia improviz-kanto kaj lokaj sportistoj elmontros valencian pilkludon sustrate. La renkontiĝo inkludos prelegojn, atelierojn kaj debatrondojn pri sociaj temoj.

Oni devas porti matraceton kaj dorsosakon, ĉar la amasloĝejo situos en mezlernejo. (tio ebligas ke la kotizo estu nur 5 eŭroj). La manĝoj en lokaj trinkejoj kaj restoracioj estas diversprezaj, kaj eblas manĝi sufiĉe malmultekoste. Ankaŭ estas pluraj hoteloj, kun kiuj la organizantoj intertraktas favorajn prezojn. Fine, vi povas profiti la vojaĝon por vidi la *Falles* en Valencio

Oficiala paĝo
http://esperanto.cat/ir2008/

# Claude Piron forlasas nin

La renoma verkisto en esperanto Claude Piron forpasis la 22an de januaro en sia hejmo de Gland, Svisio. Piron naskiĝis en Belgio, la jaron 1931 kaj tre juna eklernis esperanton, pasio kiu daŭris lian tutan vivon. Li laboris interalie kiel tradukisto kaj psikologo (aŭ pli-feliĉigisto, kiel li preferis sin nomi). En esperanto li publikigis romanojn (sub la pseŭdonimo Johan Valano), poemojn kaj tradukojn. Konata estas lia strebo ke la internacia lingvo plu estu klara, simpla kaj kapabla esprimi ĉion per malgranda radikaro, sen neologismoj, ideo pri kiu li fariĝis ĉefa reprezentanto, kaj kiun ankaŭ ne malmultaj esperantistoj kontraŭe konsideras.

Ni rememorigu liajn vortojn:

*“Mi kredas je Esperanto. Mi kredas, ke tiu lingvo estas multe pli valora ol la plimulto el la esperantistoj konscias. Mi kredas, ke ĝi solvos multe pli da problemoj en la estonteco de la homaro, ol estas ĝenerale imagate, eĉ inter ni. Mi kredas, ke ĝi povas forigi multajn suferojn, pri kiuj homoj ne konscias, kaj kiuj estas ligitaj al la manko de interkomprenilo.”*[1]




Lia lasta libro, *Dio, psiĉjo kaj mi,* ĵus aperis. La koverton desegnis Miguel G. Adúriz. En la logo-teksto legeblas:

*“Paciento priskribas al psikoterapiisto ripetatajn vojaĝojn en alian universon, kie li malkovras spiritajn estulojn kaj vivon por terano ekster-ordinaran. Fascinita de tiuj rakontoj, la psikfakulo decidas fari pri ili sciencan esploron. Tiel estiĝas dialogo inter viro kun neordinaraj mistikaj travivaĵoj sentataj kiel realaj kaj materiisma specialisto provanta kompreni mondon, kiu, por li, povas esti nur mensa kaj halucina.”*




---

1Claude Piron. *Kial kaj kiel lerni Esperanton*. – Oomoto, 1995, No 437, p. 22-24.

# Ĉu estas utila esperanto?

Sinjoro Pérez Sampere, nia nuna prezidanto de la Valencia Esperanta Grupo, petis al mi, ke mi diru al vi kelkajn vortojn okaze de la cent kvardek oka (148a) datreveno de la naskiĝo de Doktoro Zamenhof. Mi ne povis ne akcepti tian amikan peton, kaj jen mi estas parolante al vi pri la utileco kaj la neutileco de esperanto.

Esperanto estis naskita por esti utila. Oni tre bone scias la neceson, ke internaciaj institucioj, kiel la Unuiĝintaj Nacioj aŭ la Eŭropa Komunumo, havu unu laborlingvon neŭtrala, internacia, kiel esperanto. Kaj tio estas tiel pro praktika kialo: lerni esperanton estas pli facile ol lerni ajnan alian lingvon. Lerni esperanton estas ankaŭ pli malmultekosta: se mi volas atingi bonan nivelon ekzemple en la franca lingvo, mi devos iri al Francio, aŭ al Germanio se mi volas lerni la germanan. Sed por paroli esperanton, ankaŭ en tre bona nivelo, mi devas iri al neniu lando, ĉar Esperanto estas la lingvo de neniu lando.

Estus ankaŭ konvene, ke la scienca komunikado estu farita per neŭtrala lingvo, tiel do hispano, ruso aŭ ĉino ne estu devigita uzi la lingvon de alia lando, ekzemple Usono, se li volas konigi sciencan progreson faritan en ĝi.

Ĉu ĉio ĉi signifas, ke esperanto estas utila? Ne. Tio signifas nur, ke esperanto povus esti utila, sed ne ke nun ĝi estas jam utila. Ĝi estus utila, se ekzemple internaciaj institucioj decidos, ke esperanto estu internacia laborlingvo. Ĝis tiam, esperanto ne estas tre utila.

Estas personoj, certe, por kiuj esperanto estas tute utila. Ekzemple por tiuj, kiuj prilaboras la vivon per esperanto. Sed ne por mi. Almenaŭ mi ne studis, kaj ne studas esperanton pro ĝia utileco. Esperanto estas tute ne utila por mia laboro. Kial do mi studas esperanton, se ĝi tute ne utilas por mi? Nu, ke ĝi **tute** ne utilas por mi, tio ne estas vera. Esperanto estas utila por mi, eĉ ja tre utila, pro ĝia filozofio: ne por akiri ion sed por esprimi min mem, miajn konvinkojn, miajn principojn.

Parolante esperanton mi rezignas meti mian lingvon, mian gepatran lingvon, super la aliaj. Parolante esperanton mi substrekas ankaŭ mian volon ne akcepti, ke la lingvo de alia persono estu super la mia. Se mi parolas kun vi, kaj mia lingvo estas malsama al la via, certe mi devigas al vi uzi lingvon malsaman, sed ankaŭ mi devigas al mi mem uzi lingvon malsaman al la mia. Mi petas, ke vi cedu egalvalore kiel mi estas preta cedi.

Sed ŝajnas al mi, ke mi estas parolanta tro serioze, kaj hodiaŭ mi ne volas fari tion. Mi volas paroli al vi pri

la utileco de esperanto, jes ja, sed pli amuze.

Se vi permesas al mi, mi rakontos al vi la ĉarman historion de la rusa leŭtenanto Petroff kaj lia hungara servisto Mihok: kiel Mihok uzis esperanton por solvi sian problemon, tiel kiel estis rakontita de sinjoro Julio Baghy:

“Miĥaelo Mihok estis laŭnature timema, servema kaj ĝentila. Profesie li estis tajlor-laboristo en hungara provinca urbo. Dum la milito li estis kaptita de la rusoj kaj sendita al la militkaptistejo. Poste oni sendis lin al rusa kazerno en ekstrema oriento. En tiu sama kazerno estis ankaŭ leŭtenanto Petroff. Antaŭe li loĝis en Petrograd, kie profesie li estas simpla dentisto en la rusa armeo, sed la sinsekvaj bataloj pelis lin ĝis tiu kazerno en ekstrema oriento. Li estis ja pacema, sed fortika, grasa, bizonstatura kaj havis leonvoĉon.

Mihok estis la servisto de Petroff nur de tri tagoj. Escepte kelkajn frazojn, li ne komprenis la rusan lingvon, sed ĉiumatene kaj ĉiuvespere ili ambaŭ havis konversacion. Leŭtenato Petroff klarigis ĉion per man- kaj pied-gestoj, per mimiko kaj diversaj akrobataĵoj por komprenigi sin kaj dume aŭdigis leonvoĉon. Mihok streĉis sian atenton, igis ekfuncii sian etan fantazion por diveni la signifojn de tiuj misteraj manovroj, kiujn faris kun plena energio kaj fervoro la leŭtenanta moŝto.

Onidire la militkaptistoj baldaŭ hejmeniros. Estus bone, pensis Petroff, vojaĝi kun ili en Eŭropon. Bedaŭrinde krom la rusa li ne konas alian lingvon. Nu li devas lerni! Sed de kiu? Memkompreneble de Mihok. Li estas eŭropano, aspektas inteligenta. Li nepre devas scii kelkajn lingvon. Tiu ĉi nepre tuj fariĝis lia fiksa ideo. La afero estas decidita: Mihok instruos al li la anglan lingvon.

Mihok konis eĉ ne unu vorton de la angla lingvo. Li vere ne havis lingvistan talenton. Sed li estis revemulo. Tiu ĉi revemo instigis lin lerni Esperanton. Oni instruis tion en la militkaptistejo. Li do komencis kaj finlernis ĝin. Tiu ĉi lingvoscio estis triumfo por li, ĉar malgraŭ penoj kaj elspezoj li ne kapablis lerni fremdan lingvon. Sed nun li posedas lingvon, kiu egalvaloras ĉiujn. ar ĝi estas parolata ĉie, kvankam ne de ĉiu. Li sentis sin grava persono, pioniro de kulturmovado, kaj en sia revo li jam fondis la In-Tu-As-Ta-He-n (la **In**ternacia **Tu**tmonda **As**ocio **Ta**jlor**he**lpantoj).

La sekvantan tagon do, kiam vidis Mihok, ke leŭtenanto Petroff demandis al li, kiel oni diras angle ĉion, kion li montris per la mano, Mihok komprenis, ke Petroff estas konvinkita, ke li scias la anglan lingvon kaj ke li devos instrui ĝin al li. Li decidis konfesi, ke lia angla scio egalas la nulon, sed en la lasta momento, rigardante la bizonstaturan leŭtenanto,

aŭdante lian leonvoĉon, li timis kaj rezignis. Venu, kio devas veni! Kaj li sisteme komencis instrui Esperanton nomante ĝin angla lingvo.

Petroff montriĝis entuziasma anglofilo. Li diligente lernis ĉie: en la kazerno, sur la ekzercejo, en la oficira manĝejo...

Petroff jam bonege parolis la "anglan lingvon" kaj ankaŭ Mihok rekonis en sia leŭtenanto la generalan bonkorecon de la rusoj kaj flameman entuziasmon por belo kaj bono. Li decidis konfesi sian kulpon, se venos bona okazo.

Okazo venis, sed ne bona, ĉar homo projektas, Dio direktas. ĵus kiam li ne estis preparita por eventualaĵoj, venis hejmen Petroff kun fremda rusa oficiro.

- Mihok, parolu kun tiu ĉi sinjoro, sed tuj! -komencis Petroff kaj lia voĉo tremis pro la retenitaj kolero kaj indigno. -Li asertas, ke li parolas angle... Parolu kun li angle... Tiun anglan lingvon mi ne komprenas.

La haroj stariĝis sur la kapo de Mihok. Li klare vidis, ke nun la pentvoĉa konfeso neniel utilos. Se li komencis ĉi tiun altruditan tragikomedion, li devis finludi ĝin. Nur la impertinenteco povas helpi. Riskante ĉion je unu kubĵeto li ŝajnigis trankvilon.

- Kie kaj de kiu lernis la sinjoro tiun ĉi anglan lingvon?

-Ĉi tie, de soldato el la amerika armeo.

- Ah, jes! - Mihok plenblovis sin. La timo faris lin aŭdaca en la minutoj de danĝero. Li mem ne konjektis, ke tiom da kuraĝo estas en li, kun rideto li daŭrigis. - La sinjoro lernis la amerikan dialekton de la angla lingvo, dum ni parolas la klasikan lingvon de la londona aristokrataro. Jen la diferenco... Je mia Dio, mi tre ŝatus paroli ankaŭ tiun lingvon, sed mi pensis, oni devas scii unue la klasikan, la aristokratan, kaj poste la popolan... ĉu ne, leŭtenanta moŝto?

La kolero de Petroff vaporiĝis, forflugis kaj eĉ aprobe li balancis la kapon. Tre imponis al li la aludo pri aristokratoj. Li interpretis la vortojn de Mihok, sed la fremda oficiro dube ridetis kaj faris demandon. Petroff tradukis.

-Kie oni povas uzi ĉi tiun lingvon ekster la aristokrataj kvartaloj de London, se la popolo parolas alian lingvon?

En Mihok vekiĝis la propagandisto.

- Ĉie! En ĉiu lando de la mondo!. Eĉ en tiu ĉi urbo! u vi ne volas kredi? Mi pruvos tion. Bonvolu veni kun mi dimanĉe en la urbon kaj konvinkiĝu, kiu valoras pli: via amerika dialekto aŭ

nia klasika angla lingvo?

Petroff denove interpretis kaj ili decidis, ke ili dimanĉe triope vizitos la urbon.

Mihok sincere ĝojis, sentis sin pli facila, ĉar li estis sur la plej bona vojo malkaŝi ĉion sen fiasko. En la urbo estis granda societo, kie ĉiudimanĉe amase kunvenis babiladi la esperantistoj. Vera internacia societo: germanoj, bulgaroj, turkoj, hungaroj, japanoj, armeaj ĉarmaj virinoj, agrablaj viron el la urbo mem.

Mihok kondukis sian leŭtenanton kaj la fremdan oficiron en la societon. Ilin surprizis la divers-nacieco kaj tiu amika intimeco, kiu kvazaŭ sklavigis la vizitantojn. Mihok prezentis ilin al ĉiu ĉeestanto aparte. Jen turko alparolu lin!, Jen polo alparolu lin! Jen ĉino alparolu lin!, Jen japano alparolu lin!

Petroff havis kapturnon pro feliĉo, ke li komprenis ĉiujn kaj estis komprenata de ĉiuj. Male, lia akompananto, ĉar escepte de du amerikanaj soldatoj neniu komprenis lian "dialekton". Li estis devigata rekoni, ke la "aristokrata" angla lingvo superas la popolan.

Kaj Mihok en solena silento publike konfesis sian kulpon, petis indulgon de leŭtenanto Petroff, kiu pro ia neklaregebla sento forgesis pri ĉio ĉirkaŭ si kaj kun vera rusa flamemo li ĉirkaŭprenis sian serviston, kisis trifoje lian buŝon por sigeli la fratecon...

Tiel instruis Mihok esperanton kaj tiel fariĝis Petroff entuziasma samideano. Sendube, por Mihok, esperanto estis tre utila."

Dankon!

Ángel García Santos

## Feliĉan naskiĝtagon, *Lernu!*

En decembro, la populara paĝaro por lernado de esperanto atingis 5 jarojn da funkciado.Ĝi disponigas nuntempe 15 kursojn, kaj abunda krom-materialo. De la komenco, la lernanto povas uzi la lingvon kun aliaj uzantoj en la tuta mondo.



lernu-teamo: Hokan Lundberg, Jevgenij Gaus, Bertilo Wennergren, Neringa Zasaite. kaj Sonja Petrovic' (sur la foto mankas Erin Piateski)

# Kalejdoskopa rememoro

Kiam mi lernis Esperanton, antaŭ preskaŭ 30 jaroj, tiam mi studis Fizikon, kaj tute nature interesiĝis pri libroj sciencaj verkitaj en la internacia lingvo. Mi trovis dezertan panoramon: apenaŭ ekzistis sciencaj verkoj, kaj des malpli sciencdisvastigaj libroj, tio, kion oni en kelkaj landoj nomas populara scienco (la situacio bedaŭrinde apenaŭ pliboniĝis poste).

Pri Fiziko nur unu libron mi trovis: "Senĝenaj dialogoj", kaj la nomon de la aŭtoro tuj kaptis mian atenton: Alberto Fernández, tipe hispana nomo. Tamen, neniu el la pli veteranaj membroj de la klubo konis lin. La misteron parte solvis la post-kovrilo de la libro: lin la hispana milito portis al Belgio. Kiel mi poste sciis, li estis unu el la t.n. *infanoj de la milito*, evakuitaj dum la interbuĉado, kaj ne plu revenintaj al la naskiĝlando; unu el la plej frapaj kaj dramaj rezultoj de la batalo.




La libro estis superba. Alta klerigado, rakontata en flua lingvo. La nivelo povas esti iom tro alta por nesciencemuloj, kaj la dialoga formo ne al ĉiuj plaĉos, sed mi tre ŝatis ĝin. La volumo jam aĝas tridek ses jarojn, sed ankoraŭ estas trovebla en Libro-servoj, kaj ĝia legado plu valoras la penon, eĉ se dume ĝi iom malaktualiĝis.

Nenion plian mi sciis pri Alberto dum multaj jaroj, ĝis kiam mi revigligis mian esperantumadon en la SATeca movado. Tie mi trovis sub la sama subskribo de iu Alberto Fernández, interesegan artikolon kiu baldaŭ disvastiĝis en diversaj medioj: "La ideologia stumblo inter socialismo kaj (la) internacia lingvo". Poste mi havis la okazon persone interrilati kun li, kaj mi malkovris viglan homon kun ampleksaj interesiĝoj.

Mi ankaŭ havis tiel la okazon legi aliajn liajn kontribuojn, ĉefe la tradukojn Esperanten de diversaj artikoloj de la pacista belga revuo "Vrede". Li sendis por la retejo de SAT-en-Hispanio artikolon "Kiam du kanajloj intertraktas..." kaj alie kontribuis.

Ĉiujn ĉi tekstojn, kaj kelkajn aliajn, ĉefe sciencajn kaj socie progresemajn, sed ankaŭ poeziajn, ni povas trovi nun en la ĵus aperinta libro. Ĝia nomo estas "Kalejdoskopa rememoro", kaj ĝin eldonis Flandra Esperanto-Ligo.

La sciencaj artikoloj estas jam malnovaj, sed plu interesaj: unuj ĉar ili permesas rigardi kiel avancis la kono de la homaro. Aliaj gapige antaŭvidas jen multajn trajtojn de la nuna interreta kaj komputa aktualeco ("La komputila socio", en 1971!), jen tendencojn de la genetiko (en la posta jaro), dum la revoj pri fuzio restas preskaŭ en la sama stato. Aliflanke, kun la politikaj artikoloj ne ĉiuj konsentos, sed mi certigas ke neniu ilin taksos frivolaj aŭ subnivelaj.

Aparte de fikciaj kaj priesperantaj libroj, restas kompare malmultaj libroj en nia lingvo kiuj pritraktas profundajn ne banalajn temojn en serioza maniero. Tiu ĉi estas samtempe altnivela kaj facile legebla. Mi varme ĝin rekomendas.

(Unue aperinta en la blogo de Toño del Barrio, http://www.delbarrio.eu/blogo.htm, iom mallongigita de la aŭtoro)

Le Monde diplomatique

Troveblas en la Rreto la februara numero en esperanto de tiu fama revuo pri internacia politiko kaj socio.

eo.mondediplo.com

## Proponoj por Premio Ada Sikorska

La lokaj, naciaj, internaciaj kaj fakaj Esperanto-Asocioj, same kiel la individuaj esperantistoj en la tuta mondo estas petataj proponi kandidatojn por la Premio "Ada Sikorska", aljuĝota en Salou dum la 16-a Internacia Esperanto-Semajno de la Kulturo kaj Turismo. 4-11-an Oktobron 2008. <http://personales.ya.com/semajno>

La Premio estis kreita antam tri jaroj memore al Ada Sikorska, kiu sindediĉe dum 34 jaroj laboris por Esperanto kaj ĝis sia morto redaktis la tiam sendependan gazeton "Heroldo de Esperanto". La Premio estas destinita al esperantistoj, kiuj aparte distingi ĝis pro sia valora kaj meritplena agado favore al la Internacia Lingvo Esperanto.

La Premio konsistos el medalo kaj diplomo, sur kiu, krom la nomo de la Internacia Esperanto-Semajno, aperos reliefa bildo de Ada Sikorska Fighiera kaj dorse la gravurita nomo de la premiito, dato kaj loko de la Semajno.

Proponoj atingu, antaŭ la 15-an de augusto 2008, la prezidanton de la Premia Komitato. G.C. Fighiera, Via Sandre 15, 10078 Venaria Reale (To) Italio.
Rete: giancarlo.fighiera libero.it

# Viziti forion

En 1981, mi naskiĝis en malgranda vilaĝo en Hebei-provinco en norda Ĉinio. Tiam la tiea ekonomio estis tre subevoluinta kaj havis grandegan diferencon kun tiu de urboj. En urboj, oni povas facile aĉeti bezonatajn aĵojn en memservejo aŭ butikoj. Sed en vilaĝoj ne ekzistis memservejo nek butiko, kaj oni povis aĉeti aĵojn nur en foiro.



En mia memoro la tiama foiro estis tre simpla. Oni starigis simplan stablon sur la tero kaj sternis tolaĵon sur ĝi, kaj sur la tolaĵo estis komercaĵoj. Iuj vendantoj eĉ ne havis stablon kaj tolaĵon, kaj ili sternis nur paperon sur la tero kaj poste metis komercaĵojn sur ĝi. La skalo de la foiro estis malgranda, se oni staris sur kompare alta loko, li povis vidi la tutan foiron. Unu horo estis sufiĉa por traviziti la tutan bazaron. La ĉefaj komercaĵoj en la foiro estis ĉiutagaj necesaĵoj kaj iloj por agrikultura produkto. En la foiro oni vendis ankaŭ fruktojn, legomojn kaj almanĝaĵojn de malmultaj specoj. Kiam mi estis infano, mi ĉiam atendis la tagojn de foiro kalkulante la datojn per la fingroj, ĉar en tiuj tagoj miaj gepatroj ofte aĉetis pomojn kaj bombonojn por mi.

Tiam, mia familio ne havis biciklon, kaj mia patrino kun korbo piediris al la foiro. Revenvoje ni foje povis petveturi per bovĉaro. Ni bezonis ĉirkaŭ duontagon por viziti foiron, dum plejparto de la tempo estis por piediro sur la vojo. Mi ofte rememoras la vizitadon al foiro en la infaneco. Mia patrino, mia plijuna frato kaj mi kune vizitis foiron. Laciĝinte de piedirado mia plijuna frato petis mian patrinon porti lin surdorse, kaj mi kun la korbo piediris libere. La mallarĝa vojo estis kavplena, kaj flava polvo leviĝis pro homa irado. En somero, la vojo estis plena de flakoj post pluvo, kaj mi, nudpiede, tretadis en ili, tiel miaj piedoj ofte estis pikitaj. La distanco inter mia hejmo kaj la foiro estas ĉirkaŭ 3 kilometroj. Kiam mi estis laca, ankaŭ mi petis mian patrinon porti min surdorse. Kaj tiam mia patrino ofte deadmonis min, dirante: "Kiam ni atingos la foiron, mi aĉetos bongustajn *baozi*-ojn[1] por vi." Aŭdinte tion, mi ne plu insistis pri mia peto. iufoje mia patrino aĉetis tri *baozi*-ojn, unu por mi, la duan ŝi dividis kun mia plijuna frato, kaj la lasta por mi por frando revenvoje.

1baozio: Vaporumita duonsfera farĉita pasto fermentinta.

Post kiam mi ekvizitis mezlernejon, mi malofte akompanis mian patrinon al foiro. Kiam mi studis en universitato en alia loko, mi ne plu vizitis foiron kune kun mia patrino. En la fino de 2006, mi iris hejmen por viziti miajn gepatrojn. En la sekvanta tago estis foiro, do mi refoje akompanis mian patrinon viziti foiron.

"Jianhua, elpuŝu motorciklon el la interna ĉambro kaj, kaj ni veturu per ĝi al foiro." Tion diris mia patrino purigante la manĝilarojn post matenmanĝo. Nun, mia familio havas motorciklon. Kiam mi estis infano, mia plej granda deziro estis havi biciklon, por ke la patrino povu veturi al foiro kune kun ni per biciklo.

Post pordomalfermo kaj reformado de Ĉinio, oni alprenis sistemon de kontraktita uzo de kampoj, kaj la kamparanoj povas disponi la grenon post pago de imposto. Pro tio, la kamparanoj tre volonte kulturas grenon kaj multe altiĝas la produkto-kvanto de greno, kaj la kamparanoj riĉiĝis iom post iom. Komence, la riĉaj kamparanoj aĉetis biciklon; poste, motorcikloj anstataŭis biciklojn. Nun la ŝoseo de mia vilaĝo al la gubernia urbo jam estis konstruita antaŭ 10 jaroj, la trafiko fariĝis tre facila.

Baldaŭ, mi kaj mia patrino atingis la foirejon. En la parkejo de motorcikloj kuŝis vicoj kaj vicoj da motorcikloj de diversaj specoj. Kiam mi studis en mezlernejo, tie estis nur bicikloj.



La foiro estis tre vigla. Tie oni vendas marproduktaĵojn, vestojn, ŝtofojn, legomojn, fruktojn, feraĵojn kaj multajn aliajn. Tie oni vendas eĉ komputilojn, diĝitajn diskoaparatojn, motorciklojn ĉinajn aŭ importitajn.



Ĉe la foirejo estas retumejo kun dekoj da komputiloj. Plejparto de la retumantoj estas junuloj, kaj ankaŭ kelkaj mezaĝuloj. Ili aŭ aŭskultas muzikon por malstreĉi sin, aŭ legas novaĵojn okazintajn en aliaj lokoj, aŭ babilas kun amikoj aŭ parencoj en

malproksima loko. Najbare de la retumejo estas komputika trejnejo. La mastro de la trejnejo diris al mi: “Mia trejnejo ekfunkciis antaŭ kelkaj monatoj, sed multaj homoj jam sin anoncis por trejniĝi!” Dirante tion, la mastro vidigis grandan ĝojon sur la vizaĝo.



En la foiro mi renkontis unu el miaj samklasanoj en mezlernejo. Nun li estas mastro de memservejo kaj ĉiam estas okupata de komercado. Li diris al mi: “La komercado de mia memservejo estas tre bona. Pro multaj laboroj, mi invitis tri parencojn helpi min. En la memservejo estas ĉirkaŭ 2000 specoj da komercaĵoj kaj la vilaĝanoj povas aĉeti preskaŭ ĉion kion ili bezonas”

Adiaŭinte mian kunlernanton, mi vidis multajn homojn ĉirkaŭi standon. Mi iris tien kaj trovis, ke oni vendas poramuzajn animalojn. Kamparanoj riĉiĝis, tial la maljunuloj ne bezonas labori sur la kampo, do ili kulturas florojn aŭ bredas orfiŝojn, aŭ dogojn por sin distri...



Mia patrino aĉetis du plenajn korbojn da freŝaj fruktoj, legomoj, viando kaj vivaj karpoj, kaj ankaŭ freŝan floron en vazo. Baldaŭ ni revenis hejmen per motorciklo. Kaj tiam mi ekhavis la deziron ripeti veturadon en bovĉaro, sed mi scias, ke tio jam estas neebla, ĉar la kampa laboro de nia vilaĝo estis mekanizita, kaj neniu bredas bovon.

Li Jianhua

## Ekspozicio en la Eŭropa Parlamento

Ĉe la Eŭropa Parlamento en Bruselo la 30-an kaj 31-an de januaro videblas ekspozicio pri la temo "Esperanto kiel perilo de translimaj junularaj kontaktoj" organizita kaj kaj financita de Eŭropa Esperanto-Unio

# Jarabonoj kaj kotizoj por 2008

eŭroj

Boletín de HEF( Eksterlandaj abonantoj).............................................................31
Universala Esperanto Asocio
Individua Membro kun Gvidlibro MG ...................................................................9
Individua Membro kun Jarlibro MJ (-T)*..............................................................23
Individua Membro plus abono al Esperanto MA (-T)..........................................58
Abono al Esperanto sen membreco (SA)...............................................................37
Societo Zamenhof, sen membreco en UEA (SZ)...............................................116
*(kaj, ĝis inkl. 29 jaroj, membro de TEJO kun la revuo Kontakto sen plia abonpago)
Pedro A. Garrote esperantouea(cxe)terra.es
Banco Español de Crédito (BANESTO)
Banka konto: 0030 6002 74 0000901271

La Gazeto (Barcelona E-Centro)...........................................................................29
Heroldo de Esperanto...........................................................................................38
Femina.....................................................................................................................22
Literatura Foiro.......................................................................................................34
Internaciisto............................................................................................................15
La Ondo de Esperanto...........................................................................................32
(elektronike 12)
Peranto:Luis Serrano Pérez. Apartado 423 08200 - Sabadell Tel. 937275021
rete: luis_serrano mixmail.com Tel. 937275021

Sennacia Asocio Tutmonda (SAT)......................................................................40
Por junuloj (ĝis 25-jaraĝaj) , emerituloj, senlaboruloj kaj samfamilianoj.............20
Pedro Sanz pmariass1 auna.com
C/Mar de Fora 13, ES-28400 Collado Villalba (Madrid)
Bankkonto: uno-e 0227-0001-85-0200526929 (eblas pagi en cxiuj oficejoj de BBVA)

SATeh (SAT en Hispanio)........................................................................................6
Peranto: Pedro Sanz ; pmariass1 auna.com
Bankkonto: Caja Madrid 2038-1787-43-6000182731
Bv skribi kiel tituraluro 'Asociación Izquierda y Esperanto'
Adreso: rigardu supre

Kajeroj el la Sudo...................................................................................................10
Jesús de las Heras Ap. 4461 30080 Murcia bankokonto 2043-0138-14-090002040-3

Informilo Kultura Asocio esperantista.................................................................10
esperantokae yahoo.es Montseny n.-ro 113ES-08208 Sabadell

Gazeto Andaluzia kaj Monate ĉe vi (AEU)..........................................................18
aeu esperanto-andalucia.org c/Ánfora 6 5-d 29013 Málaga

# Inscripción para 2008/ Aniĝilo por 2007

Fotocopie y envie por correo postal o electrónico (admin esperanto.es) a la Federación Española de Esperanto. Igualmente puede usar el modelo que se encuentra en nuestra página web. Escriba en mayúsculas.

Nombre completo...................................................................................

dirección:................................................................................................

Código postal......................Localidad..............................................................

Feca de nacimiento.............................Correo electrónico..................................

Teléfono............................................nº de socio(para renovación)...................

Categoría de socio:

- ☐OM socio ordinario.................................................................... 31 euros
- ☐KM socio colectivo.................................................................... 62 euros
- ☐PM socio protector.................................................................... 62 euros

Todos los miembros reciben *Boletín*, los niños hasta 12 años *Juna Amiko*, los jóvenes entre 13 y 30 años *Kontakto*. Todos un 10% de descuento en las actividades de la Federación.

Forma de pago

- ☐Domiciliación bancaria (cumplimente el impreso adjunto debajo)
- ☐Ingreso en la cuenta 0182-1252-31-0204011961 de BBVA (adjunte comprobante)
- ☐Ingreso en cuenta hefb-m de Universala Esperano Asocio
- ☐Pago en efectivo en la oficina de la asociación

Firma                    Fecha

---

## Domiciliación Bancaria

Banco o caja:

Dirección:

Código Postal y localidad:

C.C.C:__________/__________/____/__________________

Les ruego atiendan con cargo a la cuenta arriba indicada, y, hasta nueva orden, los recibos que les sean presentados por la Federación Española de Esperanto, en concepto de cuota anual.

Fecha:

Nombre y firma del titular:

## “Eksenlime”

La Perdita Generacio estas radikala, verda, kaj senland-lima bando. ‘Eksenlime’ estas la dua disko de tiu muzikgrupo kiu, kvankam ĝi ekzistas jam de 1995 sub la sveda nomo *Den Förlorade Generationen*, malfrue ekkantis en esperanto en 2003 okaze de la IJK en 2003, post ŝanĝoj en la personaro kaj eklernado de esperanto.



La muziko de tiu albumo povas esti priskribita kiel akustika popol-muziko de Nordio (gitaro, fluto, violono, kontrabaso, piano, klarneto, perkutiloj, akordiono), kaj ni povus klasi ĝin ankaŭ en la mondmuzika ĝenro.La baza kerno estas Tomas Q. Nilsson Anna Burenius (gitaro kaj kanto), kaj Mathias Dalmose (violono).

La bando jam faris ne mal-multajn koncertojn en Rusio (kie ili registris vive sian unuan 8-titolan kodiskon) okaze de IJK 2004, kaj en Svedio, Pollando, Estonio, Neder-lando, kaj Kubo.

La specifeco de iliaj kantoj kuŝas ĉefe en la tekstoj, kiuj respegulas la politikan engaĝiĝon de la bando en la alternativa ekologiista kaj Verda movado de Svedio.

‘Eksenlime’ estas albumo ne kutima kiu vokas nian konscion en la horo de la “planedo en danĝero”, de la alternmondismo, kaj de la tutglobismo de la plej riĉaj ŝtatoj. Originala kaj trafa.

## Kore

Ni povintus pensi ke Kore registris sian lastan kaj unuunuran verkon, sed tio estis sen kalkuli pri la vigla persistemo de la gvidanto kaj kantisto de la bando, Kris Spitzer, kiu tute ne perdis sian belegan voĉon, sed atingas, per ĉi tiu nova albumo, nivelon sublime elstaran !

La stilo kaj la muzikistoj ŝanĝiĝis, kaj pro la renkontiĝo kaj la kreado de 13 titoloj laŭ varmaj sonoj kun la gitaristo François Tijou, alinome Fiks, ekstartigis la projekton kies granda parto kontribuas al riĉigo de la bonega sono de “Tielas vivo”, krom la 6 titoloj ne eldonitaj dum la epoko de Kia Viv’.

Inform-letero de Vinilkosmo (Mallongigite)